# LA VERDA LUPEO



*Informilo de ELF/AREK Aprilo 2009 (41a jaro) N-ro 150*
*Esperanto Ligo Filatelista / Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj*
**Redakcio: Rudolf Burmeister Max-Müller-Str. 62 DE 09123 CHEMNITZ**



Numero 120
Internacia Esperantista Kongreso
Barcelono
5ª ĝ 11ª de Septembro 1909ª
Kongresa Karto de Sinjorino
Marie Hankel
Por la Komitato:
La Prezidanto
La Sekretariino
Tiu ĉi karto rajtigas ĉeesti ĉiun oficialan feston kaj kunvenon.

**Kongresa legitimilo (UK 1909)**




**Kongresa afiŝo de la 5a UK en la jaro 1909**

## Salutletero de nia prezidantino

**Tre estimataj kaj karaj Elf-Arek-anoj!**

Varme mi deziras al vi ĉiuj bonan daŭrigon de la 2009a jaro.
Antaŭ ol paroli pri estontaj programoj, deviga estas rigardeto al pasinteco, por taksi la faritaĵojn. Unue, ni parolu pri nia organo, LA VERDA LUPEO, kiu - danke al sindediĉo kaj zorga preparado kaj kompostado de ties redaktoro, s-ro Rudolf Burmeister – pli kaj pli fariĝas fonto de novaĵoj el la tuta mondo, de informoj pri ĵus eltrovitaj malnovaj esperantaĵoj, de detalaj priskriboj pri plej diversaj filatelaĵoj, kun korektoj aŭ aldonaĵoj pri la ĝisnunaj aperintaj. Ĝi estas vere grava kaj nemalhavebla ilo en manoj de serioza filatelisto-esperantisto.
Due, pri la rezultoj de la enketo: komence de 2008, estis sendita al ĉiuj Elf-Arek-anoj demandilo, kies celo estis sondi vian opinion, nome, ĉu oni ŝatas aŭ ne havi rektajn rilatojn kun samasocianoj, cele interŝanĝadon de materialo kaj ankaŭ de spertoj, ideoj ks. Ĝis la fino de la jaro, alvenis - kun bedaŭro tion mi konstatas - nur 21 respondoj, ĉu poŝte ĉu retpoŝte. El tiuj respondintoj, 19 akceptis, ke propraj donitaĵoj aperu en adresaro, kiun oni metos je dispono de asocianoj dezirantaj interhomajn kontaktojn, por pliriĉigi siajn kolektojn laŭ siaj temoj/preferoj. Do, estos publikigita tiu listo de interŝanĝemuloj.
Trie, elkoran dankon ni ĉiuj adresu al nia samklubano Benny Nielsen pro lia servado dum la Movada Foiro, en Roterdamo, cele propagandi nian asocion.
Kvare, ELF-AREK ekde pasinta jaro iĝis Kunlaboranta Fakasocio de UEA, rezignante sian antaŭan staton de Aliĝinta Asocio. Daŭre aperos kelkaj informoj pri ĝi en la Jarlibro, tamen en reduktita formo, sed ankaŭ elspezoj estos reduktitaj, kio "plibonfartigas" nian kason.
En LVL de aŭgusto 2008, nia redaktoro rememoris la 40-jariĝon de Elf-Arek, fondita la 1an de oktobro 1968. Malgraŭ la graveco de tiu datreveno, nenio speciala estis aranĝita tiam. Do, unu jaron pli malfrue, estos okazo por inde kune festi ĝin. Estas planita kunveno de liganoj en Herzberg, la Esperanto-Urbo, de la 2a ĝis la 4a de oktobro 2009. Jam nun mi varme invitas vin ĉeesti ĉi tiun renkontiĝon, kiun mi konsideras atentinda por la evoluo kaj progreso de nia filatela asocio. Tiuspeca kunveno donas la apartan eblon, unu fronte al alia, pritrakti kaj prijuĝi la aktualan staton de la ligo, kune provi programi ties estontan agadon, pristudi propagandcelan aktivadon por varbi novajn membrojn kaj plijunigi niajn vicojn, interkonsiliĝi pri plej efikaj manieroj eniĝi en neesperantistajn filatel-rondojn kaj allogi ties membrojn, ktp. Plie, tiu ĉi unua kunveno de ELF-AREK en la 2a jarmilo povus doni energian elanon al tiuj kiuj jam delonge agadas por ĝia bona funkciado, enguti entuziasmon en novajn membrojn, kaj ankaŭ - kial ne? - pli funde koni unuj la aliajn. Proponoj, sugestoj, kritikoj, ideoj bonvenos: ĉiujn oni prikonsideros, serioze kaj atenteme, por la progreso de nia Afero kaj de nia asocio. Okaze de tiu nia renkontiĝo, ni estos ankaŭ bonvenigataj de loka filatela asocio, kiu ĝuste en tiu periodo festos sian 50-jariĝon: kial ni ne festu, ĉiuj kune, ankaŭ nian… 41-jariĝon?

*Inter ni*

Laboroj multas, sed manpleno da homoj ne povas fari miraklojn: nur per kunlaborado de multaj oni povas vere ion vivodaŭran konstrui.
Ĉu estas permesita alia alvoko de via prezidanto? Mi forte rekomendas al ĉiuj membroj esti tiel diligentaj, ke, eksciinte pri iu filatelaĵo aŭ esperantaĵo aperinta, aperanta aŭ aperonta en sia lando, oni tuj klopodu akiri kiel eble plej multe da detaloj pri ĝi kaj sekve, informi la redaktoron, sendante al li, se eblas, almenaŭ unu ekzempleron, por presado en LVL. Gravas ankaŭ informi pri akireblo de la materialo, alie la interesatoj ja legas la anoncon, sed ne scias, al kiu sin turni por tiun aĉeti/interŝanĝi.
Antaŭ ol fini ĉi mian salutleteron, mi anoncas al vi, ke jam mendita estas propaganda tablo dum la Movada Foiro, en UK Bjalistoka: do, tie mi atendos vin por kuna prezentado kaj diskonigado de nia asocio al la plurnacia kongresanaro.
Ĝis, julie, en Bjalistoko kaj, oktobre, en la Esperantourbo Herzberg!

Via Elda Doerfler

**Listo de membroj kiuj korespondemas kaj interŝanĝemas:**

1) AMOUROUX Jean – Rue de Sorede – FR-66100 Perpignan – Francio.
Temo: interesiĝas nur pri historio, ju pli malnovtempa des pli bone.
Korespondus pri tiu ĉi temo tre volonte, sed nur perpoŝte

2) BEAU Rolf - Eisser Kirchweg 18 27333 Schweringen Germanio.
retadreso: robo.espero@acn-mail.de
Temo: ĉiuj esperantaĵoj el la iama GDR, prefere kalendaretoj kaj bildkartoj.

3) DRENTH Andrè R. - Van den Boschstraat 18 NL-7535 ZP Enschede
Retadreso: drenthje@hotmail.com
Temo: Esperanto-poŝtmarkoj, -stampoj; ktp

4) DRUCKER Gert - Rua 13 de Majo 219/904 BR 80 020-270 Curitiba – PR
Retadreso: drucker@pop.com.br
Temo: esperanto-filatelaĵoj

5) DUCLOYER Jean-Pierre 7, rue de la Fee Vivienne FR-35 160 Montfort
jpducloy@club-internet.fr
Temo: esperanto-filatelaĵoj

6) HASALA Vlada - A.Dvoraka 1 69 662 Straznice – Ĉeĥa Respubliko
Retadreso: vlada.hasala@atlas.cz
Temo: Esperanto-filatelaĵoj

7) HEIMLICH Werner - Fröbelstraße 4 29614 Soltau - Germanio
Temo: Esperanto-stampoj, pmoj, tutaĵoj

8) KONJASHOVA Svetlana - Pionerskaja 24 RU 682625 Amurskij rajon Ĥabarovskij kraj - Rusio
Temo: poŝtmarkoj pri Esperanto, flaŭro, faŭno.

*Inter ni*

**9) PENDIN Galdino - Via Bosco 26 IT-36030 Villaverla (VI) - Italio**
**Temoj: Esperanto - Olimpikoj - Futbala ĉampionturniro – Religioj.**

**10) PITON, James R. - a/c LNLS, Caixa Postal 6192**
**13083-970 Campinas-SP, Brazilo**
**Retadreso: sudastelaro@gmail.com**
**Temo: E-bildkartoj eldonitaj gis 1939; cenzuritaj E-korespondaĵoj**
**bildkartoj pri la urbo Campinas eldonitaj gis 1950.**

**11) CALDEIRA NUNES, Roberson Mauricio Rua Frei Fabiano de Cristo, 306**
**Jardim das Américas 81530-110 Curitiba / PR, Brazilo**
**Retadreso: ronunes@fcc.curitiba.pr.gov.br**
**Temoj: Esperanto, Katoj (hejmaj), Polic-fikcio (Sherlock Holmes, Hercules Poirot, Charlie Chan...), Scienc-fikcio (Star Trek, Star Wars, X-Files, Flash Gordon...), Spion-fikcio (James Bond...), Kino (Alfred Hitchcock, Charles Chaplin, Kenji Mizoguchi, Werner Herzog...), Belulinoj (Angelina Jolie, Beyoncé Knowles, Monica Bellucci...) - pri tiuj temoj mi kolektas ne nur filatelaĵojn, sed ankaŭ aliajn kolektaĵojn: libroj, glumarkoj, moneroj, muzikdiskoj, poŝtkartoj, telefonkartoj ktp. Bonvole sendu kolektaĵojn nur post antaŭa interkonsento.**

**12) RYNDUCH Stanislaw - Auerbacher str. 2 d**
**08223 Falkenstein – Germanio Retadreso: s.rynduch@gmx.de**
**Temo: stampoj, poŝtmarkoj, kartoj, insignoj: ĉio pri Esperanto.**

**13) SONG Shengtan - Shui Zuo Gang 48-5, 7-602 210009 Nanjing - Ĉinio**
**Temo: Esperanto**

**14) SIPOS Janos A. - 2021 Grove St. - Ridgewood, NY. 11385 USONO**
**Retadreso laverdavojo@yahoo.com**
**Temo: esperanto, mapoj sur poŝtmarkoj, muziko generale, hungariko.**

**15) STRÖNNE Anna-Greta * Amiralsgatan 36 21155 Malmö - Svedio**
**Temo: Esperanto-filatelaĵoj, ĉefe poŝtmarkoj kaj E-poŝtkartoj pri jubileoj, kongresoj, E- kaj Z-objektoj (kiel parkoj, arboj, monumentoj kaj simile).**
**Pro okulmalsano ne rapide respondas.**

**16) SUZUOKI Ziro - HIGASHINADA, OKAMOTO 7, 14-1**
**658-0072 – KOBE Japanio Retadreso: suzuoki-z@ares.eonet.ne.jp**
**Temo: Esperantofilatelaĵoj, lingvo, sovaĝaj floroj, fervojo kaj bioscienco**

**17) DOMENECH TORREGROSA Francisco - Pintor Goya, 13**
**03830 Muro del Alcoy – Hispanio**
**Temo: Esperanto: poŝtmarkoj, kovertoj , stampoj, glumarkoj**

**18) DOERFLER Elda – Via del Ghirlandaio 18/1 – 34138 Trieste, Italio**
**Retadreso: testudo.ts@gmail.com**
**Temo: esperantaĵoj ĝenerale, kun aparta atento al bildkartoj ĝis la jaroj 1950aj, pmoj, stampoj italaj, polaj kaj UK-aj, glumarkoj, insignoj**

**Daŭrigo en la sekva LVL en aŭgusto!**

## Rendevuo de E-Kolektantoj en la Esperanto-urbo Herzberg, 2 - 4 Oktobro 2009.

Vokas al partopreno la Esperanto-Centro Herzberg kaj nia prezidantino Elda Doerfler. Eblas pli longa restado en tiu Harc-montara Esperanto-urbo.
**Bonvolu baldaŭ sciigi vian partoprenon al Stani Rynduch.**
**Adreson vidu supre sub numero 12! Tio tre helpus en la organizado.**
Plej verŝajne okazos komuna vespero kun la membroj de la loka filatelista klubo, kiu en sama semajnfino festas sian 50jaran jubileon.
Nia Stani Rynduch estas la „motoro" deĉio. Subtenas la ideon de tia rendevuo Vlada Hasala. Li organizis antau pli ol tridek jaroj en CSSR du/tri tiajn e-filatelistajn kunvenojn. Promesis veni nia nova klubano Andre Drenth el Nederlando. Li volas montri E-filatelan ekspozĝon, hereditan de sia patro. Kompreneble ĉeestos nia surloka kluba amiko Petro Zilvar kun sia skipo.
1967 okazis en Karl-Marx-Stadt (nun: Chemnitz) unusemajna E-filatelista rendevuo kun 25 partoprenantoj el kvin landoj en kadro de granda internacia pm-ekspo. 5 konkuraj E-temaj ekspozaĵoj trovis lokon en tiu ekspozicio.
Nia Rolf Beau organizis ELF-AREK-Kunvenon en kadro de IFER 80 en Leipzig. Pri tio memorigas E-pk-tutaĵo (pri ELF/AREK!) kun 250 ekz.




**1980 en Leipzig: ELF/AREK renkonto**

## Glumarkoj




**Okaze de la 63a Kongreso de SAT-AMIKARO (2008)**
aperis porokaza glumarko.
Akireblas pakoj kun po dek glm-oj kontraŭ 1 EUR ĉe:
SAT-AMIKARO; 132/134 Bd. Vincent Auriol, 75013 Paris, Francio
La koloro: Verda kaj blanka Mezuro: 75 x 45 mm Memglua
Informis: Andre SADIER




**94-a Universala Kongreso de Esperanto**
25.07. - 1.08. 2009, Bjalistoko

Folio 5x2 markoj.
Bildo: Domoj kaj Zamenhof-monumento
Memglua Mezuro: 40 x 55 mm

Informis: Elda Doerfler







Antaŭ 100 jaroj: 5a Universala Kongreso en Barcelono

# 64a Kongreso de SAT-AMIKARO en Pau, 11 – 14 aprilo 2009







Mezuro: 45 x 75 mm * Memglua * plurkolora (verda, blua oranĝa, blanka)
a) horizontala b) vertikala
Mendoj ĉe SAT-AMIKARO * 132 BD Vincent Auriol * FR 785013 Paris

Glumarkoj: po 10 pecoj : 1.50 EUR (plus afranko)
Bildkarto „Saluton el Pau“: 0.40 EUR




La Loka Kongresa Komitato eldonis salutkarton kun div. bildoj kaj esperantlingvaj dorsflankaj klarigoj:

Paŭa blazono
Monumento Zamenhof
La Kastelo
La urbodomo
La Centra Placo
Palmoj sub neĝo

Koran dankon al nia kluba amiko
Andre Sadier en Ivry sur Seine
pro senditaj sciigoj

E-filatelaĵo el Bosnio kaj Hercegovino

Esperanto-poŝtmarko „100 Jaroj Universala Esperanto-Asocio“ el

# Bosnio kaj Hercegovino Poŝto Sarajevo (2008)







La eldonon de tiu jubilea E-pm proponis esperantistoj kaj filatelistoj de Sarajevo. BkH-poŝto (Sarajevo) akceptis la proponon kaj aperigis la markon la 15an de novembro 2008. (Laŭ plano: 10.04. 2008)
Aŭtoroj de la E-poŝtmarko estas s-anoj Senad Colic kaj Branka Bajic.

**Ni kore gratulas al niaj gesamideanoj en Sarajevo!**

La marko montras sur Esperanto-flago iom el la gramatiko:

*esper-i verbo*
*esper-o substantivo*
*Esper-anto*
*esper-antisto*

Videblas la jubilea emblemo de UEA apud landnomo:
**„Bosna i Hercegovina“**
Nominalo: 1.50 KM (0.77 €)
Folio enhavas 2 x 5: 10 markojn.
Eldonkvanto: 30.000 ekz.

Stampo: 30 mm
Dato: 10.04.2008 Sarajevo 71101
Ni kore dankas al
Simo Milojeviĉ kaj Ivica Horvat
en BkH pro la senditaj klarigoj.



*E-filatelaĵo el Bosnio kaj Hercegovino*




**Poŝta fald-informilo de BHP 11/08**




**La UTK (FDC n-ro 10/08) kun unuataga stampo de 10. 04. 2008**

*Nova stampo en Italio – Massa - 2008*




**Dato: 25. 10. 2008**
**(10 – 16 h)**
**54 100 Massa, Palazzo Ducale Piazza Aranci**

**Mendinto: Gruppo Esperantista Massese**
**E-Grupo Massa – „Mario Dazzini"**
**Zorginto: Poste Italiane/Filiale di Massa**

**Teksto dulingva:**
**NACIA BIBLIOTEKO DE ESPERANTO**

Danke al interreta hejmpaĝo ni ekscias:

„...La Nacia Biblioteko de Esperanto en Massa estas la nura E-biblioteko en Italio. Fondita 1972 ĝi estas, prizorgata de Itala Federacio Esperantista, parto de la Ŝtata Arkivo de Massa

Ĝi estis publike prezentata en ĝia nova lokiĝo la 25an de Oktobro 2008, per kunveno titolata „De la historia Esperanto al multmedia", okazinta en la Salono de Rezistado en la Duka Palaco de Massa.
Estis profesoro Mario Dazzini kaj lia fratino Catina Dazzini kiuj jam en la 1950aj jaroj havis la ideon pri tia E-biblioteko. La vera kolektado komenciĝis en 1972 kiam Mario Dazzini ricevis raran libron kiel donaco de la lingvisto Bruno Migliorini kaj de lia frato geografo Elio Migliorini. La biblioteko precipe celas kolekti verkojn en Esperanto aŭ rilataj al tiu lingvo; pli detale, gravas la fakoj lingvistiko, literaturo, teologio kaj politiko. Pri tiuj fakoj oni kolektis ĝis nun proksimume okmil volumojn, grandparte donacitaj de familio Dazzini kaj de aliaj italaj esperantistoj..."




Dazzini posedis E-filatelan kolekton. Tiu bedaŭrinde malaperis per aŭkcio...

Mario Amadei sendis en 2001 porokazan E-stampon el Massa kun la portreto de Mario Dazzini. (Vidu iom difektan bildon supre ). Mi bezonus la originalon, ĉar mia perdiĝis jam en jaro 2001 ĉe kluba amiko.

*Individua poŝtmarko UEA en Nederlando (2008)*




**Kompleta folieto kun dek poŝtmarkoj**

**Individua E-poŝtmarko el Nederlando pri UEA**




Jam la kongresan poŝtmarkon de 2008 aperigis UEA. La eldonkvanton UEA daŭre tenas sekreta. Post ĝia elĉerpiĝo UEA mendis novan individuan poŝtmarkon ĉe la nederlanda poŝto. Ĉi-foje por la centjariĝo de U E A. Por la bildo oni elektis la jubilean simbolon.

Havebla ĝi estas en la Libroservo de UEA kontrau 5.50 eur po folio.

Koran dankon pro senditaj materialoj al nia prezidantino Elda Doerfler kaj al nia kluba amiko Andre Drenth.

*Esperanto-Respubliko "Amikejo" 1908*




**Personigita pm-talono el Belgio kun (nelegebla) teksto „Saluton el Kelmis"**
(Eldonita 2008 decembro)




**Esperanto-bildkarto (1908)**
**Meze: La fondintoj d-ro Molly kaj d-ro Roy**
**Foto el la tago de la proklamo de la „E-ŝtato Amikejo"**

Nia kluba amiko Jankowski bonvolis sendi tiun E-talonan poŝtmarkon. Li partoprenis 2008 en jarfina renkontiĝo de E-istoj en Düsseldorf. En ties kadro okazis ekskurso al tiu urbeto Moresnet - Kelmis, kie antaŭ cent jaroj, (1908) estis proklamita „Esperanto-ŝtato Amikejo".

*Esperanto-Respubliko "Amikejo" 1908*




**Samideano prof. d-ro Hans Eichhorn informis:**

„...Ni pasigis belegajn tagojn en la 25-a Internacia Festivalo en Düsseldorf. Kulmino estis ekskurso al KELMIS – MORESNET. Tie ni tagmanĝis en granda salono, en kiu je la 13-a de aŭgusto 1908 estis fondita la "E-ŝtato AMIKEJO".
Ni havis kontakton kun la restuloj de tiu tempo kaj eĉ kantis kun ili ilies himnon. En 1919 la ŝtato estis malfondita, sed ĝis tiam vigle ekzistis: Eĉ kun propraj poŝtmarkoj!
Laŭdire la tuta "popolo" - proksimume 500 personoj - parolis Esperanton kaj en iu komitatkunsido de UEA 1908 en Dresden iu kolonelo tion bedaŭris, ĉar, kiel li diris: ***"kiam la ordinara popolo uzas nian karan lingvon, ĝi estos fuŝata"***

Por mi ĝis nun ne konata ĉapitro de nia historio, sed nepre interesa..."

Apude pligrandigo de la pm-talono (meza parto):

Ĉar apenaŭ eblas ekkoni detalojn de la talona bildo, jen iuj klarigoj, helpe de sambilda pli granda foto sendita de nia J. Jankowski:

Supre verda stelo
Urba blazono de Kelmis
Enskribo: AMIKEJO
1908 - 2008
Jubilea E-simbolo
„Salutojn el Kelmis – La Calamine"

En la E-a filakartio ekzistas 3 div. E-tekstaj bildkartoj pri AMIKEJO.
En iu malnova LVL jam estas notoj pri tiu ĉi temo. Kaj kiu deziras ekscii pliajn detalojn pri „Neutra Moresnet", tiu helpe interreta guglo trovu abundon da informoj. Eĉ la „poŝtmarkoj" tie videblas, ili ne rilatas al Esperanto.

Montrita bildkarto en arkivo Piton, Brazilo

Koran dankon al nia kluba amiko Hans Jankowski!

*Esperanto-filakartio*

# Vagante tra la francaj Esperanto-poŝtkartoj

## Unuaj eldonoj en Francio (1903)




**Sendita de s-ro Hennebert al s-ino Flourens (ps. „Roksano")**
**(Pm-oj dorsflanke sur n-ro 2 –Trompeter- en arkivo Piton)**

**Jam antaŭ dek jaroj,** en la jaro 1999, nia kluba amiko **Jean Amouroux** aperigis sur 172 paĝoj de „Franca Esperantisto", laŭ peto de Herve Gonin, katalogon de francaj Esperanto-poŝtkartoj, lige kun la centjara historio de la asocia Esperanto-movado en Francio. Hodiau eblas montri la kompletan unuan serion el la jaroj 1902/1903. Jen la klarigoj pri ĝi el la plumo de nia amiko Amouroux:

„...El la unue eldonitaj francaj esperantaj poŝtkartoj estas la serio de L. Hennebert, apotekisto en Pont-en Royans, ĉirkaŭaĵe de Grenoblo.
La serio konsistas el 6 numeritaj kartoj kaj se ĝi titoliĝas „L´Esperanto en Francujo", la unua karto montras portreton de D-ro Zamenhof kaj la dua portreton de la antaŭ nelonge mortinta W. H. Trompeter, kiu, kiel neriĉa germana termezuristo, transprenis la financan savon de „La Esperantisto", en la momento, kiam D-ro Zamenhof ne plu povis ĝin elteni (1892 – 1894).
Do, se estas nekonformeco inter la titolo kaj la konsisto de la serio, tamen bela kaj meritata estas la omaĝo de la eldoninto....
Krom Zamenhof kaj Trompeter la kvar ceteraj tiamaj tenoroj de la franca E-movado omaĝitaj de portretoj kaj de kelkaj notoj de la eldoninto estis:

n-ro 3: Louis de Beaufront, Prezidanto de SPPE kaj direktoro de „l´Esperantiste"
n-ro 4: Rene Lemaire, sekretario de la redakcio k administracio de ĝi,
n-ro 5: Charles Meray, Prezidanto de l´Grupo Esperantista Dijon,
n-ro 6: Carlo Bourlet, Prezidanto de la Grupo Esperantista Pariza ..."



L'Esperanto en Francujo. N° 1.

DOKTORO LUDOVIKO ZAMENHOF

aŭtoro de Esperanto

Eldonas, post 12 jaroj ĉa laborego, la sistemon de internacia lingvo helpanta, kiun proklamis plej bona la glora filologiisto Max Muller, finas sian verkon vane esperinte ke kongreso de scienkuloj prenos sur sin tiun ĉi zorgon. Ĉiuspecaj bataloj, la eldonado de jurnalo *L'Esperantisto*, de multaj libroj Esperantaj en diversaj lingvoj konsumas siajn kapitalojn kaj siajn fortojn. Kvankam ludanta nun ŝajne rolon malpli aktivan, li ĉiam restas l'animo de l'entrepreno.

Numero 1: Zamenhof



M. TROMPETER

L'Esperanto en Francujo. N° 2.

W. H. TROMPETER

mortinta en Essen, dum Novembro 1901.

Ludis tre grandan rolon en la vivo de Esperanto. Sen la financa subteno, kiun li donis al ĝi dum 3 jaroj, en horo tre danĝera, eble tiu ĉi lingvo ne ekzistus plu. Longaj voyaĝoj kaj poste la malbona stato de lia farto ne permesis plu al li, dum la lastaj jaroj, alporti al la entrepreno vian aktivan kunlaboradon de l'unuaj tempoj. Sed la Esperantistoj scias kun kia malavareco li ĝin donis longatempe. Tial ili konservas por li tre dankan memoron.




Dankon! Kaj daŭrigo da miaj Kartoj

Via samideano

L. Hennebert

Numero 2: Trompeter
(Sendita de la eldoninto L. Hennebert al „Roksano“)

## *Esperanto-Filakartio*

**L'Esperanto en Francujo.** N° 3.

LUDOVIKO DE BEAUFRONT

Prezidanto de la *S. p. p. E.* Kaj Direktoro de L'*Esperantiste.*

Aliĝas al Esperanto en 1888 kaj de tiu tempo batalas por ĝi kun persistegeco, forlasante sian sistemon l'*Ajuvanto* (la Helpanto); eldonas laŭ la rusalingvo, de la jaro 1892 a, la unuajn Esperantajn librojn por Francoj; sukcesas fondi. en januaro 1898, la revuon L'*Esperantiste* kaj la « *Societo por la propagando de Esperanto* », kiu elvokas en Francujo la fondiĝadon de l' *Grupoj Esperantistaj* kaj la instruadon pri Esperanto.



M. DE BEAUFRONT

Numero 3: L. d. Beaufront

**L'Esperanto en Francujo.** N° 4.

RENÉ LEMAIRE

Sekretario de la redakcio kaj de l'administracio de l' « *Esperantiste* ».

S° René Lemaire estis la unua kaj longatempe la sola kunlaboranto de S° de Beaufront, li komencis en 1892 laboradi en la propaganda agado kaj de tiu tempo ne ĉesigis doni al sia majstro sian ĉiutagan kunhelpadon.



M. RENÉ LEMAIRE

Numero 4: R. Lemaire

**L'Esperanto en Francujo.** N° 5.

CHARLES MÉRAY

Prezidanto de l'Grupo Esperantista Dijona.

En 1900, S° Meray, en Dijon, matematikisto, korespondanto de la Akademiaro Franca, fine malfermas la okulojn de la scienculoj, ĝis tiam absolute skeptikaj. Per multegaj korespondaĵoj ĉiulandaj, per la parolo kaj la plumo, per sia ekzemplo kaj kredito, li estas por la lingvo la iniciatoro de famindaj progresoj.



M. MÉRAY

Numero 5: Charles Meray

**L'Esperanto en Francujo.** N° 6.

CARLO BOURLET

Prezidanto de l'Grupo Esperantista Pariza.

Dum lia prezidado, la Grupo Esperantista Pariza organizas, kun la morala kaj financa helpo de « Touring-Club de France » kaj de ĝia prezidanto, S^ro Ballif, la vastan propagandon en tuta Francujo. La firmo Hachette komencas la eldonadon de la « Kolekto Esperanta, aprobita de D^ro Za-



M. CARLO BOURLET

Numero 6: Carlo Bourlet

**Ekspozicio de Esperantaj filatelaĵoj en Zagreb, novembro 2008**

„...Okaze de la simpozio **"Esperanto kaj kroata kultura identeco"**, la 7-an kaj 8-an de novembro 2008, en la reprezenta aŭlo de Filozofia fakultato en Zagrebo okazis ankaŭ ekspozicio de Esperantaj filatelaĵoj, kiun kune organizis Kroata Filatelista Asocio (Hrvatski filatelistički savez) kaj Kroata Esperanto-Ligo. Ekspoziciis po tri reprezentantoj de ambaŭ organizaĵoj. La filatelistojn per siaj eksponaĵoj reprezentis Nikola Turk, Marijan Šegedin kaj Ljubinko Šapurić, kaj la esperantistojn Radenko Milošević, Josip Pleadin kaj Spomenka Štimec. La ekspozicio konsistis el 20 vitrinoj, kaj en aldonaj vitrinoj estis ekspoziciitaj Esperantaj libroj (pruntitaj de Kroata Esperanto-Ligo, Radenko Milošević kaj Velimir Piškorec). La teknikan laboron faris plejparte Nikola Turk (kiu ankaŭ malfermis la ekspozicion), helpita de Radenko Milošević. Inter vizitantoj de la ekspozicio troviĝis filatelistoj, esperantistoj, partoprenantoj de la simpozio, studentoj kaj profesoroj de Filozofia fakultato. Per abundeco de eksponaĵoj la ekspozicio surprizis eĉ bonajn konantojn de Esperanta filatelo..."

**Fonto: Raporto de s-ano Josip Pleadin en la reta „Zagreba Esperantisto"**




**Poŝta memorkarto „100 jaroj Esperanto en Kroatio"**

(sen nominalo, valida por enlanda ekspedo), eldonita 07.11.2008 de Kroata Poŝto. Ekzistas ankaŭ kun privata surpreso de Zamenhofa portreto kaj ekspo-teksto „HFD Zagreb" (Kroata Filatela Klubo Zagreb).

La surpresita marko montras la monumenton FUTURO de P. Neergard.

Maldekstre faksimile la unua n-ro de „Kroata Esperantisto" (10 Aprilo 1909).

**La memorkarto haveblas ĉe Kroata E-Ligo kontraŭ € 1.50**

Adreson trovu en la sekva paĝo.

**Festkunveno „Centjariĝo de Esperanto en Kroatio" en Zagreb, decembro 2008, kun poŝta E-stampo**




„...-En la jaro 2008 per pluraj aranĝoj kroatiaj esperantistoj solenis la unuan jarcenton de organizita Esperanto-movado en sia lando. La fina solenaĵo estis la solena kunsido "Centjariĝo de Esperanto en Kroatio", organizita en la Malnova Konsilantarejo de la Urba asembleo de Zagrebo, sabaton, la 13-an de decembro je la 10h00. La solenaĵon, kiu okazis sub la aŭspicio de Tatjana Holjevac, prezidantino de la Urba asembleo de la urbo Zagrebo, kiu mem ĉeestis, partoprenis plurdeko da esperantistoj el ĉiuj partoj de Kroatio.

Tra la programo gvidis la aktorino Vida Jerman. La ceremonio komenciĝis per kantado de kroatia kaj Esperanta himnoj, kiujn prezentis la operkantisto esperantisto Neven Mrzlečki....
Kiel aparta programero okaze de la kunsido estis prezentita filatela ekspozicio organizita de profesoro Nikola Turk.
Okaze de la solenado de la Centjariĝo, kune kun Kroata Filatela Asocio estis eldonita koverto kun represo de la kroata himno "Bela nia patrolando", kiu estis publikigita en la unua antologio de kroata poezio "Kroataj poeziaĵoj" en la jaro 1912.
Per la okaza poŝta stampo, desegnita de Radenko Milošević kaj farita de Ivan Librić, prezidanto de Kroata Filatela Asocio, estis stampitaj poŝtmarkoj sur la unuataga koverto (=memorkoverto - r.b.), la 13-an de decembro 2008..."
**Fonto: Josip Pleadin en „Zagreba Esperantisto"**



La koverto kun stampo haveblas ĉe
**Kroata E-Ligo**
**Kneza Mislava 11/3**
**HR-10 000 Zagreb**

>esperanto@zg.t-com.hr<
**Prezo: 2.00 €**




# ELF-AREK

*Esperanto-Ligo Filatelista*
*Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj*


**Prezidantino:**
Elda Doerfler >testudo.ts@gmail.com<
Via Ghirlandaio 18/1 IT-34138 TRIESTE

**Stampobanko:**
Werner Heimlich
Fröbelstr. 4 DE-29614 SOLTAU

Kasisto: Rolf Beau Eisser Kirchweg 18 DE-27333 Schweringen
Retpoŝta adreso: >robo.espero@acn-mail.de<
Konto: Rolf Beau
Commerzbank Hoya Banka kodo (BLZ): 290 400 90
Konto numero: 420 933 400
IBAN: DE 48 290400900420933400
BIC-Code: COBADEFF297
UEA-konto: *ELF/AREK* = Kodo: elfx/r
Jarkotizo: € 17.00 Membroj en ekssocialismaj kaj socialismaj landoj: € 11.00


*Adresŝanĝo*

Janos A. Sipos 2021 Grove St.
Ridgewood, NY. 11385 Usono

*Bonvenon en nia Amika Rondo*

S-ino Anna Laskowska Auerbacher Str. 2 d
DE-08223 Falkenstein
(Kol.: E-filatelaĵojn) >a.laskowska@interia.eu<

Roman Kubczyk ul. Lwowska 186
PL 42-200 Czestochowa

**E-pk de GDR serĉata** (1978 – Medicina E-Fakrondo)
kun surpresita nominalo de 25 (fenigoj)
de via redaktoro Rudolf Burmeister. Kiu havas ĝin?